## BIBLIOGRAFIO

Aperis nova kajero de *„La Interligilo"*, dediĉita plejparte al la bulgaraj transport- kaj ptt-laboristoj. Enhavo: Bonvolu eniri, de P. Filliatre; Sindikata movado de la fervojistoj kaj maristoj en Bulgario, de Mihail Popov, ĝenerala sekretario de la Profesia Unuiĝo de Fervojistoj en Bulgario; La bulgaraj ŝtataj fervojoj, de Nikola Penev; Laborkonkurado, de Petr Staniŝev, deputito de la Bulgara Parlamento; Kulturkleriga agado de la bulgaraj fervojstoj kaj maristoj, de K. Ribarski; La fervojstoj helpas la bulg. kamparanojn, de Kosta Georgiev; La profesia unuiĝo de pttistoj en Bulgario, de K. Ganev, deputito de la Bulgara Parlamento; Laborkultura brigado, de Nikola Tabakov; Labora konkurado inter la bulg. ptt-istoj, de Nikola Obreŝkov, prezidanto de la Unuiĝo de pttoficistoj en Bulgario; Eldonado de poŝtmarkoj en Bulgario, de Vasil Cankov, prezidanto de Bulg. Filatelista Asocio; multaj informoj kaj artikoloj el Belgio, Saharo, Norda Poluso, Hungario, Luksemburgo, Usono, USSR, Argentino, Francio, Ĉeĥoslovakio ktp.

Ni treege rekomendas al ĉiuj fervoj- kaj ptt-laboristoj aboni tiun ĉi enhavoriĉan fakgazeton.

Adreso: „La Interligilo", 46, Rue Lamartine, Paris (IX), Francio.

Bulgaroj povas aboni ĉe la red. „Int. Kult.", kontraŭ 250 lv. por 1946.




**AŬSTRALIO**

Mr. Edward Courthope, 87 King George Street, South Perth, Western Australia, deziras korespondi kun bulgaroj.

Helpu restarigi malnovan amikecon! F-ino A. Curtis, Canungra, Queensland, deziras rekontaktiĝi kun bulgara samideano Angel Hristov.

**AŬSTRIO**

Georg Wichtl, Blumau bei Felixdorf, interŝanĝas pm. Afranku filatele.

**BRITLANDO**

Ernest Halliday, 87 New Road Bedfont, Midsx., kun bulgara s-ano aŭ s-anino.

**BULGARIO**

K-do Ilija Hristov, Str. Čerkovna 39—b, Sofio, 23-jara, kun ĉ. l. pri kinematografio, politiko ktp.

**ĈEĤOSLOVAKIO**

Stanislav Klimenta, Praha XIV 778, Nusle-Udoli, Krakova 9, kun ĉ. l., prefere el Oriento kaj Transmaro, per let. kaj il. pk. Interŝanĝas pm., fotojn ktp.

**ĈILIO**

Renè Garcia, Bulnes 26, Santiago, serĉas korespondantojn por siaj 18 gekursanoj (15—20 jaraj).

**FINLANDO**

Martti Piiroinen, Nokia, kontoristo en paper-, sulfit- kaj elektrofabriko, dez. kor. kun akademie kleraj samideanoj.

**FRANCIO**

S-ro Roger Milon, str. Diderot 20, Brive (Coedèze), 23-jara urboficisto, kun bulgara samideanino 17—25 jara.

La francan gazeton „Kompreni" mi abonigos al la unua samideano, kiu skribos, ke li estas preta interŝanĝe pagi por mi abonon al „Internacia Kulturo". Louis Beaucaire, 1 bis Av. de Marbotte, Dijon (Côte d'Or).

Andreo Hervouet, 24, Rue Jules Guesde, Pureaux (Seine), fervojdesegnisto, kun fervojistoj, ĉu komencantoj ĉu progresintoj.

S-ro J. Bourgeois, 11 Rue Brillot-Savarin, Dijon, (Côte d'Or), 19-jara studento de teologio, kun ĉ. l.

**HUNGARIO**

Paŭlo Fürcht, Josefstr. 114, Csepel, kursgvidanto, kun lab. esperantistoj.

Deziderio Lengyel, Arpád-u. 43, Csepel.

Jozefo Szabò, Csepel, szert Imre tèr 3.

Zoltáno Hrotkò, Pestszenterksèlek, Jòsika str. 112.

Franciskò Fazekas, Rákòszi Ferencz ùt. 74 Csepel (20-jara).

Jozefo Vèler, Szentmiklòsi ùt 182, 16-jara.

Karlo Kerlèesz, Kiralyerdö u 126, 11-jara knabo.

La milito neniigis mian domon, valorajn esperantajn librojn kaj gazetojn. Bonvolu sendi al mi kelkajn malnovajn librojn kaj gazetojn. Màtyas Frühwirth, Balatonfüzfö,

**NORVEGIO**

Bjarne Hetlevik, Brävaelagt 16, Hangesund, 25-jara impostoficisto, kun juna fraŭlino, kiu komencis lerni Esperanton.

**POLLANDO**

Esperanto-kurso deziras korespondi. Skribu amase al: K-do Bol. Crechowski, str. Al. Przyiaciol 9, Varsovio.

**NEDERLANDO**

Geanoj de Fervojista Esperantista grupo dez. kor. kun samfakuloj en la tuta mondo, precipe en Orienta Eŭropo. Skribu multope. Respondo garantiata. H. Hoen, sekr. de UNFEG, Madurastraat 71—I, Amsterdam—O.

R. van Baaren, Amelandschestraat 30-b Rotterdam—Z, poŝtisto, per. let. kaj pk. il. Respondo garantiata.

Laboristo en sukerfabriko, pri ĉiu temo. A. C. Kromhout v. d. Meer, Bentinckstraat 95—III (W) Amsterdam.

J. v. Bennekum, B—16, Giesendam, Zuid Holland, metalisto, 34-jara, pri terkulturo, interŝanĝas pm.

Joh Kemker, Noord G 29, Workum, 16-jara knabo, kun samaĝulo.

Mi perdis pro la milito miajn gekorespondantojn en Jugoslavio kaj mi ege ŝatus denove akiri seriozajn gekorespondantojn precipe el Bulgario, Jugoslavio ktp. J. Groeneschey, Tulpstraat 33, Koog a/d Zaan.

D. Gastricum, P. C. Hooftlaan 6, Driehuis—Velsen, 50-jara ĉarpentisto, pri politiko k. a. temoj.

T. G. Meuleman, Madurastraat 9—III, Amsterdam, 44-jara fajro-estingisto, dez. kor. kun k-do aŭ k-dino.

Th. van Kempen. P/d. v. d. Raad, Reidschevaart 2, Vogelenzang, pri ĉ. t.

J. Ph. Pont, Kenavstr. 35. Utrecht, elektro-veldisto, kun samfakanoj.

Aldert Duursma, Barsingerhorn C—9 NH, ĉarpentisto, 28-jara fraŭlo, pri politiko, interŝanĝas pm.

Geanoj de la Nederlanda Esper. Grupo „Per Esperanto al paco" (sekcio de ALE) dez. kor. kun bulgaraj esperantistoj. Provizora korespondadreso: K-do J. Koster, Burg. Patijnlaan 158, Zeist (Utrecht).

G. Timmerman, J. Oldenburglaan 17—A, Bergen NH, pri ĉ. t

A. R. Wijn, Hoog—Laren, NH, kun ĉiulandaj samideanoj.

S-nino B. Brillesliper v. d. Helstplein 11—I, Amsterdam—Z, 32-jara, kun bulgara k-do aŭ k-dino.

F-ino Sonja Seegers, 22-jara, 1 e Emmastraat 8, Haarlem, pri ĉiuj temoj per let. kaj pk. il.

J. N. v. d. Helden, Kinkerstraat 286—II Amsterdam—W, konduktoro de fervojo, kun gek-doj.

W. J. de Rijk, Blankenstraat 10, Amsterdam—O, 27-jara, en Esperanto aŭ en angla, germana kaj franca lingvoj pri sporto, ekonomio kaj navigado.

H. Bindervoet, Hooge—Laarderweg, Hilversum 1—B, librobindisto, pri ĉ. t.

Sekcio Hago de la Asocio de Lab. Esp. petas ĉiulandajn esperantistojn sendi bildkartojn, leterojn, broŝurojn, reklamafiŝojn k. s. uzotajn kiel ekspozician materialon. Adreso: P. Ŝvarc. Lenteweg 4, Den Haag. Respondo al ĉiu garantiata.

**RUMANIO**

Enache Virgil, str. Mitropoliei 29, Sibiu, dez. kor. kun bulgaroj.

**SVEDIO**

Erik Ekström, Guvernörsgatan 7, Göteborg, deziras interŝanĝi pm.

**TURKIO**

S-ro Asim Koprulu, Posta Kutusu 6, Aydin, dez. interŝ. pm. kun ĉ. l.

INTERNACIA KULTURO

KULTURA REVUO DE BALKANLANDAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

SEPTEMBRO 1946

NUMERO 1

DUA JARO — ADRESO: STR. „GRAF IGNATIEF“ 2, SOFIA I— BULGARIO

ASSEN GRIGOROV

# NIA PROGRAMO

*Nia gazeto komencas sian duan jaron. Per sia pasintjara aperado, kiel ajn neregula kaj mankohava ĝi estis, ĝi pruvis sian ekzistorajton. Ĝi pruvis ĝin ne nur per la fakto de sia ekzistado, sed ankaŭ per la resono, kiun ĝi trovis ĉe la koroj de granda amaso da esperantistoj. Ne ĉesas flui la torento da leteroj el la tuta mondo, per kiuj diras al ni sian simpation kaj promesas sian apogon samideanoj plej diverstendencaj, sed samideanoj honeste pensantaj, samideanoj amantaj la homaron, samideanoj, kiuj volas doni sinofere sian kontribuaĵon por la konservo de la paco, aktivaj batalantoj kontraŭ la internacia kaj sia propra nacia faŝismo kaj reakcio.*

*Kortuŝite ni legas ĵus ricevitan leteron de s-ro R. C. Marble el Kalifornio, Usono:*

> ***Eble pro tio, ke mi kriplige vundiĝis en la batalo kontraŭ la faŝismo, multe plaĉas al mi subteni vian kontraŭfaŝistan esperantan gazeton — precipe ĉar mi konvinkiĝis, ke Esperanto estas laŭesence kontraŭfaŝisma!***

*Liaj simplaj kaj sinceraj vortoj, vortoj de homo, kiu verŝis sian karan kaj noblan sangon en batalo kontraŭ la monstra faŝismo, kaj similaj al tiuj ĉi vortoj, kiuj venas rekte el la koro, donas al ni senŝancelan kredon kaj novajn fortojn por daŭrigi nian progresivan kulturlaboron.*

*La samideanoj el Pazarĝik reabonis, antaŭ la apero de tiu ĉi unua numero de la nova periodo de nia gazeto, pli amase ol dum la pasinta jaro. Pes sia agado niaj s-anoj klare diras: daŭrigu nian sanktan aferon por helpi la starigon de tuthomara paco! Forĝu la internacian demokratan solidarecon!*

*Fine, elokvente parolas nia „Fonduso de Internacia Kulturo“. Ne la redakcio ĝin iniciatis— tion faris la legantaro mem! Sinofere la samideanoj donacas por sia torĉo, por la amata „Internacia Kulturo“ monsumojn, krom la abonoj. Ankaŭ per tio ili diras:*

*— Ne haltu, daŭrigu, ni vin apogas per niaj modestaj rimedoj! Ni fidele marŝas kun vi!*

*Nia gazeto daŭrigos la klopodojn unuigi ĉiujn demokratajn, kontraŭfaŝismajn samideanojn el la tuta mondo, sen diferenco de klasa aparteno, religio, partikonceptoj, idea tendenco, sen diferenco de sekso, aĝo, nacieco kaj raso. La programo de nia gazeto estas klara:*

*— Konsekvenca batalo kontraŭ faŝismo, reakcio kaj nacia subpremo, kontraŭ bruligantoj de nova terura milito, batalo por konservo de la paco, por konstruado de solidareco internacia, batalo por progreso, demokratio kaj homeco!*

*Neniu malluma reakcia forto povas haltigi la homaron sur ĝia rekta kaj justa vojo, neniu malamikeca provo ankaŭ en niaj propraj esperantistaj medioj sukcesos devojigi nin, devigi nin forlasi nian sanktan idealon: la unuiĝon de ĉiuj demokrataj fortoj en nia movado por la bono de nia progresema movado!*

*Vi, samideano, ankaŭ vi povas akceli tiun ĉi noblan komunan aferon. Vi akcelos ĝin, se vi fariĝos fervora propagandisto kaj agitanto de via* ***„Internacia Kulturo“****, se ne nur vi mem ĝin abonos, sed se per viaj leteroj ĝin rekomendos ankaŭ al viaj multnombraj diverslandaj korespondantoj.*

*Al aktiva laboro por disvastigo de nia amata torĉo „Internacia Kulturo“!*

*Vivu la internacia kontraŭfaŝista solidareco!*

*Vivu la demokrata paco!*

*Vivu Esperanto!*

# TRASERĈO

Ĉirkaŭ noktmezo, kiam la sagokrucanoj[2] eniris la bombŝirmejon, jam preskaŭ ĉiu endormiĝis kaj la timigitaj vizaĝoj, de kiuj nur iom post iom malaperis la signo de dormemo, mire rigardis en la zigzagajn radiojn de la poŝlampoj. Tra la malfermita pordo enblovis la vento.

— Bruligu kandelojn! — kriis unu el la sagokrucanoj kun raŭka voĉo.

Ili estis tri. Unu maljuna viro kun barbo kaj du malaltaj, palaj junuloj nigraharaj. Ĉiuj tri havis brakrubandon de sagokrucanoj kaj vicon da mangrenadoj en la zono. Ili aspektis, kvazaŭ ili irus al infanludejo kun sia vartisto.

— He, ĉu judo ĉeestas? — kriis per penetra voĉo unu el ili. — Ellitiĝu kaj pretigu viajn dokumentojn!

Unu el la sagokrucanoj kun maŝinpafilo enmane baris la pordon. La maljuna viro sidiĝis ĉe la apudmura tablo. La tria kun poŝlampo enmane trairis la du kelojn inter la vicoj de la litoj kaj lumigis la vizaĝojn de la homoj vestantaj sin. Fariĝis tiel granda silento, ke la filineto de la domzorganto vekiĝis kaj ekploris.

La komandanto de la bombŝirmejo kaj la domzorganto stariĝis ĉe la tablo.

— Nombro de la ĉeestantoj?—demandis la sagokrucano.

— Kvardeksep?

— Ĉu judo?

— Ne estas — diris la domzorganto.

— Se ni trovos forfuĝintan soldaton aŭ fremdan ŝtatanon, mi arestos vin ambaŭ — mallaŭte diris la sagokrucano.

— Ne estas — ripetis la domzorganto. — En ĉi tiu domo loĝas nur malriĉuloj.

La sagokrucano, kiu trairis la kelojn kun poŝlampo enmane revenis al la tablo.

— Kvardek tri — li raportis.

— Ĉu mankas kvar?

— Ĉu vi ne rigardis la apartan niĉon? — demandis oĉjo Johano, la komandanto de la bombŝirmejo.

La malaltkreska sagokrucano foriris kaj revenis post kelkaj minutoj.

— Unu virino kaj du infanoj — li raportis kun raŭka voĉo. — Tri kaj kvardek tri.

— Ĉu mankas ankoraŭ unu?

— Unu soldato — diris la domzorganto — li nun deĵoras.

La maljuna sagokrucano nun fermis siajn okulojn, kvazaŭ lin subite superregus laco.

— Kial li estas sur la listo? — li demandis post iom da tempo. — Se li ne estas ĉi tie, tiam li ne devus esti sur la listo.

— Li loĝis ĉi tie ĉe sia patrino — diris la domzorganto.

La maljuna sagokrucano ion notis sur la paperon kuŝantan antaŭ li.

— Ĉu tie ĉi estas ankaŭ aliaj ejoj?

— Ne estas.

— Vi mensogas! — diris la maljuna sagokrucano mallaŭte. — Sur la koridoro mi vidis ankoraŭ sep aŭ ok pordojn. Ĉu ili estas karbokeloj?

— Jes — diris la domzorganto kun ruĝa vizaĝo.

— Ankaŭ ili estas ejoj — klarigis la sagokrucano. — Nun, unue sendu ĉi tien la virinojn unu post alia, poste la virojn kun siaj dokumentoj.

La malaltkreska, virinvoĉa sagokrucano denove iris malantaŭen. La virinoj unu post alia iris al la tablo. La palvizaĝa knabino, kiu kuŝis sur la kontraŭporda lito, svenetis pro ekscitiĝo. Ŝi devis sidiĝi. Kiam onjo Anna diris sian nomon, la maljuna sagokrucano dum iom da tempo klinis la kapon.

— Ĉu vi havas la soldatfilon? — li demandis.

La maljunulino kvazaŭ ŝrumpiĝis. Ŝia kruda voĉo mildiĝis kaj alprenis virinecan melodion, ŝia vizaĝo fariĝis tre afabla.

— Jes, sinjora moŝto — ŝi diris — mi havas filon soldaton.

— Kie li estas?

— Se mi scius tion! — ĝemis la maljunulino.— Pasintan semajnon mi ricevis de li frontleteron, sed li ja ne rajtas skribi, kie li estas. Almenaŭ mi scius, ke li vivas!

La maljuna sagokrucano kapjesis, kvazaŭ li estus kontenta pri la respondo. — Onjo, iru al la muro — li diris. — Tien, apud la pordon.

La vizaĝo de la maljunulino apenaŭ rimarkeble grimacis. — Jes, sinjora moŝto — ŝi diris. La pala knabino kun la nigra hararo subite metis sian manon antaŭ la buŝon kaj ĝemis. La sagokrucano turnis sian kapon al ŝi. Li observis ŝin, poste denove kliniĝis super siajn paperojn. Li ankoraŭ pridemandis du virinojn, poste denove turniĝis al la knabino.

— Ankaŭ vi iru al la muro! — li diris mallaŭte. — Tien, apud la maljunulinon. Rapidu!



Veselin Stajkov — Pejzaĝo

[1] Tibor Déry estas nova verkisto sur la hungara horizonto literatura. Liaj verkoj estas kontraŭfaŝistaj kaj tre popularaj inter la laboristaro.

[2] Hungaraj nacisocialistoj.

Post duonhoro kiam li jam pridemandis ankaŭ la virojn, li alvokis la junan sagokrucanon starantan en la fino de la kelo. Ne estis eble scii, kion li diris al li. La juna sagokrucano eliris tra la pordo. La maljuna sagokrucano etendiĝis sur la seĝo, la revolveron prenis el la ingo kaj metis ĝin sur la tablon. Li sidis senmova kun fermitaj okuloj, ĝis ne revenis la forsendita sagokrucano en akompano de alia. Ili pelis antaŭ si la filon de onjo Anna. La manoj de la soldato estis ŝnurligitaj malantaŭe, sur la dorso. Liajn vizaĝon, veston kovris dika tavolo de karbopolvo.

La graveda junvirino eligis laŭtan krion.

— Estu silento, eĉ vorton mi ne aŭdu! — kriis la fadenvoĉa, malalta sagokrucano. La vizaĝo de la domzorganto subite ruĝiĝis, li retropaŝis senintence.

— Kie estas via forpermesa dokumento? — demandis la maljuna sagokrucano.

— En mia poŝo — respondis la soldato.

La malalta sagokrucano metis la manon en la internan poŝon de la soldato kaj prenis el ĝi falditan dokumenton. La maljunulo rigardis ĝin, poste kun malrapidaj movoj disŝiris ĝin.

— Ĝi estas falsa — li diris lace.

La soldato ne respondis. La sagokrucano staranta apud li batis lian kokson per la kolbo de sia maŝinpafilo. — Ĉu vi ne scias respondi?

— Kion mi respondu? — diris la soldato. — Ĝi ne estas falsa.

— Ĉu pro tio vi kaŝiĝis en la karbo? — demandis la maljuna sagokrucano.

— Por ke vi ne forportu min—diris la soldato. —Por ke vi ne disŝiru mian forpermesan dokumenton.

La nigrahara, pala knabino staranta apud la muro laŭte ekploris. En la dua kelo estingiĝis la kandelo. — He, bruligu la kandelon, aĉa bando! — kriegis la sagokrucano staranta en la pordejo. — Bruligu ĝin aŭ mi pafos! — Ĝi forbrulis — aŭdeblis maljunece tremanta virinvoĉo. — Bonvolu atendi, mi bruligos novan.

— Ĝi forbrulis — ripetis la maljunulo enpense. Tiu maljunuleto venu ĉi tien! — Li levis la brakon kaj montris al la pensiita poŝtisto, kiu sidis sur la rando de iu malantaŭa lito, inter sinjoro Adrási kaj la maljuna pakaĵisto. La poŝtisto tuj ekstaris kaj iris al la tablo.

— De kiu vi ricevis ĉi tiun soldatan jakon? — demandis la maljuna sagokrucano.

— Jen, de li! — diris la poŝtisto.

— Ĉu vi interŝanĝis?

— Jes.

— Kial? — demandis la maljuna sagokrucano kaj per duone fermitaj okuloj li rigardis en la vizaĝon de la poŝtisto.

— Tial — laŭte kriegis la poŝtisto — ĉar jam sufiĉas la milito.

Por momento fariĝis silento. — Ne batu lin! — diris la maljuna, al la fadenvoĉa sagokrucano, kiu ĵus levis la manon por frapi la buŝon de la poŝtisto. — Kion vi diras?

— Tion mi diras kun estimo, — kriis la poŝtisto kun ruĝiĝinta vizaĝo — ke tiu nazmukulo ne kuraĝu tuŝi min, ĉar mi tradraŝos lin. Tiel vere, kiel oni nomas min Karlo Csukás.

La du sagokrucanoj starantaj antaŭ la tablo ekridas. Sed la maljuna sagokrucano estas tre serioza. — Ni ne tuŝos vin — li diris. Lia voĉo sonis ĉiam pli kaj pli lace. Ni ne tuŝos vin, sed ni ekzekutos vin. Iru al la muro!

Sed antaŭ kiam la poŝtisto estus povinta fari eĉ la plej malgrandan movon, onjo Anna, kiu ĝis nun kun katece fermiĝantaj okuloj observis sian ŝnurligitan filon, subite per du longaj paŝoj aliris la tablon. Sian kolosan supran korpon ŝi klinis al la maljuna sagokrucano.

— Ĉu ankaŭ mian filon vi volas ekzekuti? — ŝi demandis kun basa voĉo.

— Iom pli malrapide, he! — diris la sagokrucano, dum la du pli junaj retiris la maljunulinon per la haroj. — Kio?.. ĉu vi pligrandiĝis? Antaŭe vi aspektis pli malgranda!

— Eĉ mia kalo estas pli granda ol vi, fripono! — diris la maljunulino.

La nigrahara, pala knabino staranta apud la muro nun sidiĝis sur la teron.

— Kial vi ekscitiĝas onjo? — diris la maljuna sagokrucano.

— Ni ekzekutos ne vin, vi ja estas la patrino.

Kiam la du sagokrucanoj kaptis la soldaton kaj la maljunan poŝtiston, onjo Anna saltis post ili. Ŝi piedfrapis la kruron de unu el la sagokrucanoj kaj la alian ŝi kaptis kaj profundigis siajn ungojn en lian vizaĝon. — Kuru — ŝi kriis raŭke. Post ŝia dorso ektondris revolvero. La soldato elsaltis tra la pordo.

Unu el la sagokrucanoj, al kiu ŝi piedfrapis la kruron kuŝis surventre, la alia ĝeme, kun sangantaj okuloj palpadis sian vizaĝon. Onjo Anna iom post iom turniĝis maldekstren, poste falis sur la teron. En la antaŭa kelo, poste en la korto denove aŭdiĝis novaj pafsonoj. En la alia kelo iu stertoris, kiel kormalsanulo.

El la hungara lingvo tradukis:

*Ladislao Somlai (Spierer)*



Veselin Stajkov — Melnik

# INDA JUNULARO

El la baldaŭ aperonta libro „NI MORTIS POR LA LIBERO", kiu enhavos leterojn de bulgaraj antifaŝistoj, mortigitaj aŭ ekzekutitaj de la bulgara faŝismo. La verko estas eldonota de la Bul. Esp.-Kooperativo.

Oni malmulte scias pri ni bulgaroj, sed la bulgara popolo estas markinta sian tutan historion per senĉesaj kuraĝaj bataloj por libero kaj sendependeco.

Mi volus rakonti kiel kuraĝe mortadis niaj gejunuloj por la libero de sia popolo.

Sennomaj junuloj, al neniu konataj estas mortintaj kun la senmorta kanto de la popola poeto *Hristo Botev*, kantante fiere: *„Ja kiu falas por la libero — mortas neniam!"*

En la minutoj antaŭ la pafmortigo ili levis pugnon — la lastan saluton al la libero, kriante: „Vivu Georgi Dimitrov! Vivu libera Bulgario! Morton al la faŝismo — liberon por la popolo!"

Niaj gejunuloj estas indaj edukitoj de la granda filo de la bulgara laborista klaso kaj unua batalanto kontraŭ la faŝismo kaj la reakcio *Georgi Dimitrov*, kiu jam en Leipzig vokis la homaron al kuraĝa batalo kontraŭ la faŝismo.

Kiam la germandevena reĝo Boris de Coburg Gotha kune kun la faŝista kliko ĉirkaŭ si aligis nian patrolandon al la tendaro de la hitleristoj, de tiu ĉi momento la bulgaraj patriotoj komencis la popolbatalon kontraŭ la hitleristaj agentoj.

Nia glora junularo la unua — kun armilo en la manoj aliĝis al la partizanbrigadoj kaj al la nelegalaj batalgrupoj.

70% de la partizanoj estis gejunuloj. 25.000 gejunuloj estis organizitaj en la nelegalaj batalgrupoj. Pli ol 8.500 junuloj estis juĝitaj. 30.000 junaj volontuloj militis en la unuaj vicoj de la bulgara armeo kontraŭ la hitleristoj.

Nia popolo kantas kantojn pri la heroismo de siaj indaj gefiloj.

Kiu ne scias pri la braveco de la partizanoj de la brigado „Anton Ivanov", kiuj batalis ĝis la lasta kuglo, sed vivaj ne sin donis al la faŝista malamiko!

Iru al kiu ajn vi volas bulgara vilaĝo aŭ urbo, vi vidos sur la placo aŭ en la parko freŝajn tombojn. Ili estas la tomboj de la falintaj batalantoj por la libero.

Sur malgranda plataĵeto en la „Parko de la Libero" en Sofio estas la frata tombo de la mortigitaj kamaradoj de la Centra Komitato de Bulgara Laborista Partio.

En vitra kadro ridas la nigraj okuloj de junulo, en kiuj kvazaŭ ridas la espero mem pri la brila estonteco de la tuta popolo.

Ĝi estas la portreto de Emil Ŝekerĝijski — politika komisaro de la partizana brigado de Kjustendil. La 3-an de Aŭgusto 1944 Emil estas sieĝita de la faŝistaj ekzekutistoj. De lia korpo gutas sango. Li iom post iom perdas la fortojn. En tiu ĉi momento per sia sango li skribas sur paperon: „Morton al la faŝismo — liberon por la popolo!"

Li kaptas la dekan bombon, por ĝin reĵeti al la malamikoj, sed la fortoj ne sufiĉas. La bombo eksplodas kaj li bravule mortas, por resti fidela al la partizana ĵuro. Emil restis eterne vivanta en la koroj de nia junularo!

Kiu ne scias pri la heroismo de la juna popola heroino Liljana Dimitrova, de kies heroeco edukiĝas la bulgaraj junuloj.

La 27. de Junio 1943 Liljana estas sieĝita de 100 policistoj en Plovdiv kaj post 12-hora pafado, ŝi decidis sin mortigi. Al la kriaĉoj de la faŝistaj banditoj propravole kapitulaci, ŝi kuraĝe respondis:

— Mi ne donos min al vi, faŝistaj murdistoj!"

La juna Todor Stajkov estis torturita plej barbare de la faŝistaj agentoj, sed li eĉ unu vorton ne eldiris, krom: „Neniun mi havas — mi estas sola!"

La dekok-jara laboristo Stojan Milev kun pugne kunpremitaj manoj iris ridante al la mortpafejo. En sia lasta letero li skribis: „Mi estas feliĉa, ke la unua mi mortas kiel neplenaĝa por la afero de la Patrolando."

La juna partizano Valentin Andreev diris antaŭ siaj mortigistoj:

— Pafu, murdistoj! Mi ne timas vian kuglon!"

Li restis fidela al siaj vortoj: „Por la patriotoj meza vojo ne ekzistas. Ili devas iri la unuaj en la batalon!"

La junulo Ivan Ivanski en la antaŭmorta letero al siaj kamaradoj skribas antaŭ sia mortpendigo:

— Kamaradoj, vi ne forgesu min kaj tion, por kio ni batalas. Vi sciu, ke mi restas fidela ĝis la lasta momento al la popola afero. Adiaŭ, kamaradoj!"

Antaŭ la pendigilo li mem metis la ŝnuregon ĉirkaŭ sian kolon kaj kriis fiere:

„Mi komprenas kial mi mortas, sed por mi revenĝos la kamaradoj!"

La 8-an de Februaro 1943 estis mortpafita Ivan Ĥristov. Mallonge antaŭ la mortigo, li ricevis leteron de sia patro, en kiu la patro skribis:

„La amikoj diras, ke mi havas indan filon kaj ke mi devas esti fiera patro. Mi jam estas maljuna. Malĝoja mi estas, ke tiel juna vi forpasos, sed mi estas fiera, kara filo, ke vi ne timas batali kontraŭ la popolmalamikoj".

La gimnaziano Jordan Paĉev de vilaĝo Vinogradec, nia neforgesebla juna esperantisto, estis bruligita vivanta en unu bakejo. kaj kiam mortadis li ekkantis en la flamoj la kanton pri la senmorta batalanto Vasil Levski: „Ho, panjo mia, patrio kara..."

GEORGI BIGOR



Pinarbaro en Bulgario




VASIL BOROVKO

# Homaro

*Milionoj sin servas*
*per esperanta parolo.*
*Marŝas vigle la pacbatalantoj*
*de unu nova popolo.*
*Dissemite sur la tero,*
*ĝi unuiĝas*
*en la batalo lasta.*
*Morte skuiĝas*
*la ora monstro. Por libero*
*soifas nia terglobo vasta.*
*Cent esperantaj leteroj*
*al mi venas*
*de vilaĝoj, urbodomoj...*
*Mi jam komprenas*
*la malĝojon kaj la esperojn,*
*la bravon aŭdacan de la homoj.*

*

*„El malliberejo mucida*
*mi kuris for!" —*
*skribas juna hispano. —*
*„Kun la popol'*
*kontraŭ Franko sangavida*
*mi tenas ŝtalan pafilon en la mano!"*

*

*Jen estas funebra respond' el Grekland*o:
*„Ne plu vivas via amiko!*
*Faŝista bando*
*lin kaptis kaj murdis.*
*Viktim' li fariĝis de l' reĝa kliko."*

*

*„Vi ĝoju! Ĉar liberecon*
*vi havas finfine!*
*Ĉar vi venkis la faŝistojn!*
*Por ni ĉinoj*
*furiozas nova milito,*
*incitata de l' imperiistoj."*

*

*„Korsalutojn el Usono!*
*Kiel vi fartas, amata amiko?*
*Ĉe ni estas denove*
*krizo malbona.*
*Ne sufiĉas la mono;*
*Ni estas ree en striko!"*

*

*Mil esperantaj leteroj*
*de lando al lando,*
*tien kaj reen iras.*
*El ili spiras*
*malamo al la faŝismo.*
*Milionoj da homoj admiras*
*la fajrerantan aŭroron*
*de l' venkanta socialismo!*

*

*Parolas nia kara*
*solidara*
*paca popolo,*
*ligita per komune-homa parolo.*
*Trans la ruinoj kaj baroj*
*de l' malnova mondo*
*ĝi marŝas al la brilanta suno*
*de la feliĉa estonto:*
*batalanta kontraŭ*
*faŝismo kaj reakcio*

**Internacio —**

**Homaro!**



Floroj




La 8-an de Septembro 1946, per libera plebiscito, Bulgario fariĝis Popola Respubliko. Nia bildo prezentas momenton de la solena proklamo de la Popola Respubliko Bulgario. La prezidanto de la Parlamento Vasil Kolarov legas la proklaman deklaracion.

GEORGI BIGOR

# Sur la Vojo al Berlin

*Se mi juna en batalo falos iam,*
*se mi morta falos sur la ter,*
*firme vi eksciu la novaĵon tiam*
*kaj neniam ploru en sufer!*

*Se vi, amatino, amas min sincere*
*kaj vi plorus — estus honta plor!*
*El la mano faru pugnon feran*
*kaj la larmojn glutu sen dolor!*

*Fieriĝu! Amu kaj malamu ĉiam*
*kaj silentu firme, sen kompat!*
*Min komprenu bone, amatino mia,*
*tion petas via kamarad.*

*En batalo sanga ankaŭ partoprenu!*
*Batu kun malamo kaj sen plor*
*kaj ĝis kiam la libero ne alvenas*
*restu brava kun kuraĝa kor!*

*Kaj al miaj kamaradoj tristaj*
*ĉion vi rakontu amikin,*
*kiel min mortigis la faŝistoj*
*sur la vojo glora al Berlin!..*

*Iru kaj rakontu vi senbrue*
*pri la morto de la batalant!*
*Ne funebru, ke mi juna falis frue,*
*ĉar mi falis por la Patroland!*

*Se mi juna falos en batalo iam,*
*se mi morta falos sur la ter,*
*firme vi eksciu la novaĵon tiam*
*kaj neniam ploru en sufer!..*

Nia juna samideano Bigor verkis tiun ĉi poemon la 4-an de Marto 1945, kiel soldato de la bulgara armeo, militantă kontraŭ la germanoj sur la fronto en Hungario. Nun li reverkis la poemon en Esperanto, por nia revuo.

**La Redakcio**



Juna bulgara vilaĝanino

# NOVA MILITO NE OKAZOS

*„Mi ne kredas, ke ekzistas reala militdanĝero“ — diris ĉef-generalo Stalin antaŭ la korespondanto de la angla ĵurnalo „Sunday Times“. Ĉi tiu deklaracio kiel fulmo lumigis kaj disŝiris la pezan atmosferon de intrigoj, suspektoj kaj brutalaj ĉikanoj, per kiuj sin servis lastatempe la aŭtoroj de la famoza minaco pri novaj militoj.*

*„Oni devas strikte diferencigi — li diris — la malplenan bruon pri „nova milito“, kiu nun estas farata, kaj la realan danĝeron pri „nova milito“, kia provizore ne ekzistas.“*

*La homaro kredas la vortojn de Stalin, ĉar ĝi scias, ke ĉi tiuj vortoj esprimas profundan kaj perspektivoplenan socialpolitikan analizon, kian nur Stalin kapablas fari. Ĝis nun la vivo neniam refutis la dirojn de Stalin. Se li nun deklaras, ke „reala danĝero pri nova milito ne ekzistas“, tio signifas, ke efektive nova milito nun ne estos.*

*Profunda, faciliga sopiro eliĝis el la koroj de ĉiuj esperantistoj, kiujn la mallumaj fortoj de la reakcio ĝis nun igis vivi en konstanta timo pri novaj militoj. Ili vidis malantaŭ la simplaj vortoj de Stalin detalan marksisman analizon pri la dispozicio de la fortoj, pretaj inciti novajn militojn en la mondo, kaj la fortoj de la milionoj da pioniroj por demokratio kaj progreso, kiuj luktas por reala kaj daŭra paco internacia. La justeco troviĝas ĉe la flanko de la batalantoj por daŭra mondpaco, ĉar ili hodiaŭ jam povas per sia reciproka interkompreniĝo kaj samideeco sukcese defendi la poziciojn de siaj konkeritaj demokrataj akiraĵoj.*

*La deziregо de la milionoj da homoj pri fortika kaj longdaŭra paco, diversmaniere esprimata, nun fariĝas nevenkebla potenco, kiun oni ne povas ne konsideri. Ĉe la frunto de tiu ĉi nevenkebla potenco, laŭ ĝenerala konfeso, staras la granda Sovjeta Unio kun sia socialisma sistemo.*



Juna bulgara vilaĝano



La 9-an de Septembro 1946 en ĉiuj urboj de la juna Popola Respubliko Bulgario okazis grandiozaj kaj entuziasmoplenaj solenoj okaze de la forigo de la monarkio kaj de stabiliĝo de la Popola Respubliko. La saman daton la bulgara popolo entuziasme solenis la duan datrevenon de la popola venko super la faŝismo. Nia bildo montras momenton de la manifestacio en la ĉefurbo Sofio.

# SUKCESOJ DE LA MOVADO EN BULGARIO

(DUA PARTO DE LA RAPORTO DE AS. GRIGOROV, SEKRETARIO DE BULGARA ESPERANTO-ASOCIO, ANTAŬ LA 29-a KONGRESO EN ASSENOVGRAD, 1946)

Kiaj estis niaj sukcesoj dum la pasinta jaro?

1) Ni daŭrigis nian restarigan laboron. Nia movado estis serioze detruita dum la longaj jaroj de faŝisma regado, niaj fortoj estis disigitaj, multaj samideanoj estis senigitaj de la ebleco okupiĝi kun nia afero. Ankaŭ post la venko super la faŝismo, ni ne tuj havis favoran atmosferon, liberan tempon kaj eblecon okupiĝi pri nia amata movado, ĉar ni estis plene glutitaj de la rekonstrua laboro; ni devis kunhelpi la stabiligon de la nova popola ŝtato, labori ĉe la ekonomia, politika k. a. frontoj kontraŭ la enlanda reakcio. Malgraŭ tio, iom post iom

***ni restarigas niajn fortojn***

kaj nia movado stabiliĝas. Pri tio parolas jenaj faktoj:

Dum la pasinta asocia jaro ni havis ĉ. 30 societojn. Nun ni havas 56. La pliigo estas preskaŭ 100 %.

Nia kontakto kun samideanoj loĝantaj en izolaj lokoj grave fortiĝis. Pasintan jaron ni kontaktis kun ne pli ol 145 apartaj loĝlokoj, kie mankis societoj. Nun ni povas diri, ke ni kontaktas kun 272 urboj kaj vilaĝoj, krom la societoj — plikresko preskaŭ 100 %.

La absoluta nombro de niaj membroj ankaŭ pliiĝis, malgraŭ nia nesufiĉa agitado persona kaj skriba. Dum la pasinta jaro ni havis 900 membrojn, nun ni havas 1072 membrojn.

Kiaj eblaĵoj ekzistas tiurilate, montras al ni la ekzemplo kun Sofio. Pasintan jaron Sofia societo havis 105 membrojn, ĉi-jare ĝi havas ĉ. 250 pagintajn membrojn, do plikresko preskaŭ 150 %. Ni estas certaj, ke en Sofio ni povus havi multe pli da membroj: La samon oni povas diri pri multaj kaj multaj societoj en la provinco kaj pri multaj urboj kaj vilaĝoj, kiel Vidin, Haskovo k. a., kie societoj tute mankas.

Mi nur volas substreki, ke ni subtaksas la rolon de la organizaĵo: Oni devas scii kaj konscii, ke la socio estas respektebla morale per grandnombra, amasa esperantista asocio. Oni ĉiam demandas: kion vi prezentas el vi? Kiun vi reprezentas? Kiom da esperantistoj membras en via asocio? Kia forto vi estas? — kaj laŭ la respondo oni konkludas pri nia signifo.

2) Malgraŭ nia organiza malforteco,

***ni akiris gravajn sukcesojn***

antaŭ organizoj, aŭtoritatoj, socio.

a) La Ministerio de Informado subvenciis nian eldonaĵon „Internacia Kulturo" per 100,000 levoj, per senpaga papero por 4 numeroj, per pruntado de kliŝoj. Ĝi grave subvenciis ankaŭ a organizadon de ĉi tiu kongreso, prenante sur sin la elspezojn ĝis 100,000 levoj.

b) La Nacia Komitato de la bulgaraj Kooperativoj subvenciis la Asocion per 50,000 levoj. Tion ĝi faris pro nia laboro por kontaktigo de la bulgaraj kooperativoj kun alilando kaj pro la popularigo de la bulgara kooperativa movado.

c) La Profesia Ligo de la bulgaraj fervojistoj kaj maristoj subvenciis la Asocion per 30,000 levoj, por eldono de unu numero de „Interligilo", internacia Esperanto-gazeto de la transportlaboristoj.

d) La saman sumon — 30,000 levojn — oferis ankaŭ la Profesia Ligo de ptt-laboristoj en Bulgario, por la sama celo.

e) Por la lastaj 2-3 monatoj de la pasinta jaro la Fervojdirekcio donis al Centra Komitato senpagan vojaĝkarton, kiu, bedaŭrinde, sur la bazo de ĝenerala regulo, estis reprenita de 1 de Januaro 1946.

f) Radio Sofia unue enkondikis kaj post tio duobligis la brodkastadon en Esperanto. Esperantodisaŭdigojn organizis ankaŭ Radio Varna.

Estas menciinde, ke por la unua fojo en la historio de nia movado, Radio Sofia honorarias la Esperanto-paroliston.

Ĉi supraj faktoj montras la favoran rilaton de la aŭtoritatoj, de la organizaĵoj kaj de la societo, al nia lingvo kaj al ni mem.

Tiu ĉi favora rilato, tamen, dependas de nia laboro praktika por la bono de nia popolo sur la sektoro internacia. Ĝi povus fariĝi pli grava kaj doni pli realajn rezultojn, se ni pli intense kaj pli serioze eklaborus por la efektivigo de nia rezolucio pasintjara, se ni realigus en la praktikon la amasan kolektivan kaj individuan korespondadon, pri kio eblecoj senlimaj ekzistas kaj pri kio ankaŭ simptomoj ne mankas (lastatempe pri tio atestas leteroj de Burgas, Plovdiv, Asenovgrad k. a.). Male, tiu ĉi favora rilato tre facile povus elvaporiĝi, se ni kontentigos nin nur fanfaroni, nur *montri* la eblaĵojn, sed ne realigi ilin, nur paroli, sed ne agi. Mi devas sincere konfesi, ke ne ekzistas pli

***granda danĝero por nia movado***

ol tiu ĉi. Ĉi tie mi devas klare diri, ke nia propagando devas nur postsekvi, sed ne antaŭiri la praktikan popol-utilan agadon. Nuda



Veselin Stajkov — Ripozo

ko mencias la nomojn de s-anoj Julzari, Hesapĉiev kaj nia poezia kunlaboranto Dimitro Zlatarski, konkeris la korojn de multaj esperantistoj. Sed ĝi devas barakti kontraŭ malfacilaĵoj de plej diversa karaktero: manko de papero, manko de kompostistoj, manko de bona moderna tekniko, literaro, bonaj kliŝoj, manko de sufiĉaj pagoj, manko de tempo por ĝiaj redaktantoj. Ni obstine kaj sinofere forigas desur nia vojo ĉiujn obstaklojn, organizas la disvastigon, la financojn, la materialajn rimedojn, organizas jam en internacia skalo la reton de la kunlaborantoj. Antaŭ ĉio tamen ni kalkulas pri la kunlaborado kaj kunhelpo de niaj balkanaj samideanoj — jugoslavoj kaj rumanoj. Ni esperas, ke nun, en la kadroj de la Balkana Konferenco, troviĝos novaj vojoj kaj manieroj por doni fortan puŝon al nia parolilo antaŭ la mondo — al nia „Internacia Kulturo".

5) Lastatempa surprizo por la bulgara esperantistaro estas la reeldono de „Bulgara Esperantisto", kiel interna teknika bulteno de nia movado, kiel organiza informilo, kiel helpanto de niaj internaciaj korespondantoj, kiel kuraĝigilo por niaj pioniroj, kiel instruilo kaj helpilo de niaj komencantaj samideanoj. La unuaj numeroj estis bone renkontitaj de nia samideanaro.

(Fino sekvas en n-ro 2)



Bulgara vilaĝa laboristo trinkas akvon

propagando sen pruvoj pri praktika aplikado de nia lingvo efikas male. La homoj ne ŝatas esti persvadataj pri io, kies rektan utilecon ili ne tuj spertas. Pro tio la taktiko de nia Asocio estis ne tiom fari bruan propagandon pri Esperanto kiel lingvo, sed labori per ĝi por starigo de kiom eble plej vasta reto de internaciaj rilatoj. Tiam nia afero sin mem rekomendas, sin mem trudas al la konscio de la homoj. Tiam ni ankaŭ povas entrepreni efektive grandstilan propagandon.

3) Dum la kuranta jaro nia Asocio, la unuan fojon en nia historio, disponas pri propra presejo, lastatempe en kompanio kun la Bulgara Esperanto-Kooperativo. La Asocia kapitalo, investita en tiu ĉi entrepreno, estas ĉ. 400,000 levoj. Kial ni fondis tiun ĉi kompostejon? Ne por esti posedantoj de propra presejo, ne pro la „plezuro" barakti kontraŭ mil zorgoj, malhelpoj, malagrablaĵoj, tempoperdo, nervokonsumiĝo, sed nur pro tio, ke post la bombardoj en Sofio mankis taŭga presejo kun esperantaj litertipoj. La privataj posedantoj de presejoj eĉ ne volis trakti kun ni, aŭ postulis grandegajn monsumojn por niaj eldonaĵoj, neniel garantiante ties regulan presadon.

En nia kompostejo nun estas presataj ĉiuj asociaj kaj kooperativaj eldonaĵoj: „*Internacia Kulturo*", „*Bulgara Esperantisto*", Vortaro, Krestomatio, k. a. La kompostejo estas

***sukceso, kian ne kuraĝis revi niaj antaŭuloj.***

Ni, per la helpo de la tutlanda esperantistaro, modernigos la literaron kaj plialtigos la teknikon de niaj eldonaĵoj.

4) Grava akiraĵo de nia Asocio kaj de nia movado estas nia revuo „*Internacia Kulturo*". Dum la pasintjara kongreso kelke da bonaj samideanoj ne havis fidon pri niaj fortoj kaj opiniis ne ĝustatempa kaj ne konforma kun niaj eblaĵoj la eldonadon de tia gazeto. Nun ili mem sindone laboras por la stabiligo kaj plibonigo de nia gazeto.

Kelkiu opiniis, ke ĝia titolo „*Internacia Kulturo*" estas tro pretenda. Ni en la komenco nur intencis krei unu ponton al la internacia kulturtrezorejo de la ceteraj popoloj, sed ne iniciati internacian gazeton. La faktoj tamen estas tiaj, ke nia unua plano nun devas esti larĝigata. La gazeto estis rekontita kun malkaŝa simpatio ĉe ĉiuj vere progresivaj, senantaŭjuĝaj medioj de la tuta mondo. Mi ne volas citi tie ĉi centojn da opinioj, venantaj de ĉiuj partoj de la terglobo, kiuj unuanime atestas pri

***la neceso havi demokratan, progreseman, antifaŝistan gazeton***

por la plej larĝaj tavoloj de la tutmonda esperantistaro, por la miloj da pacamaj samideanoj ĉiulandaj.

Efektive, nia gazeto, dank' al la zorgoj kaj sindona laborado de ĝiaj redaktantoj, inter kiuj mi kun dan-



Bulgara vilaĝa knabino manĝas dolĉan pomon

# La bulgara esperantistaro kaj la Konstituanta Parlamento

Kiel atestas nia majstro kaj popola gvidanto G. Dimitrov, la balotoj pri Konstituanta Parlamento, okazontaj en Bulgario 27. X. 46, treege superas la signifon de la parlamentaj balotoj dum la pasinta jaro. Antaŭ la elektota Konstituanta Parlamento staras tre gravaj taskoj. Ĝi devos ellabori novan progresivan Konstitucion de la juna popoldemokrata respubliko Bulgario kaj post tio, dum unu tuta jaro okupiĝi per intensa leĝkrea laboro, kiu difinos la ĝeneralajn liniojn de nia estonta evoluo kiel libera kaj demokrata popolo.

Estas bone konata la antaŭenema karaktero de la bulgara Esperanto-movado. La bulgaraj esperantistoj, en sia grandega plimulto, ĉiam partoprenis la ĝojojn kaj la suferojn de sia liberama popolo. Dum la tagoj de terura faŝisma diktaturo ili kuraĝe batalis kune kun ĉiuj aliaj progresemuloj, por reakiri la uzurpitajn popolajn rajtojn kaj liberojn.

La bulgaraj esperantistoj aktive subtenis kaj nun subtenas kaj partoprenas la larĝan demokratan movadon de la Patrolanda Fronto, kiu venkis la faŝismon en nia lando kaj kondukas nian popolon al materiala kaj kultura prosperado. Ili plenkonscie pritaksas la altvalorajn bonaĵojn, kiujn alportis al la tuta popolo — sekve, ankaŭ al la esperantistaro — la popoldemokrata reĝimo de la Patrolanda Fronto. Tial la bulgaraj esperantistoj kun sincera interna konvinko plenumos sian sanktan patriotan devon kaj, utiligante siajn internaciajn rilatojn, diskonigos en alilando la grandajn, historiajn akiraĵojn de la bulgara popolo post la 9-a de Septembro 1944.

La internacia reakciularo, inkluzive nia interna bulgara reakcio, tute ne deziras rezigni antaŭ la profundaj demokratiaj ŝanĝoj, kiuj okazas en nia lando. Ĝi plenforte klopodas malfaciligi kaj haltigi la demokratan evoluon de nia popolo kaj subigi ĝin al siaj egoismaj interesoj. Sed ĉu la bulgara popolo oferis tiom multe da viktimoj en la batalo kontraŭ la faŝismo, por ŝanĝi la germanan jugon per iu alia imperiisma sklaveco? — Komprenèble ne!

Jen pro kio la bulgaraj esperantistoj ne povas resti indiferentaj en la antaŭstarantaj balotoj por Konstituanta Parlamento. Ili bone komprenas la aspirojn de la reakciularo kaj ties politikaj partioj, konsistantaj nur el malbone maskitaj eksfaŝistoj kaj porfaŝistaj politikuloj, servantoj de la grandkapitalistaj parazite-spekulativaj rondoj.

Nia popolo firme decidis iri laŭ la jam elprovita vojo de vera demokratio kaj konstanta progresado. Ĝi plenanime deziras vivi en sincera kunlaborado kun ĉiuj aliaj liberamaj kaj demokrataj popoloj — kuraĝaj batalantoj kontraŭ faŝismo kaj kontraŭ bruligantoj de nova imperiisma milito. Tial nia popolo, en sia grandega plimulto, voĉdonos 27. X. 1946 por la partioj de la Patrolanda Fronto, kiu pruvis, ke estas la unusola politika forto, kapabla konduki ĝin al feliĉa estonteco. Kune kun la tuta popolo, ankaŭ la bulgaraj esperantistoj, kiel veraj kaj konsekvencaj demokratoj-antifaŝistoj, aldonos sian kontribuon por la brila venko de la demokratio en la balotoj por Konstituanta Parlamento.

---

## SUKCESA HUNGARA LANDKONGRESO

La 18—20-an de Aŭgusto okazis en urbeto *Orosháza* la XVI-a Hungara landa Kongreso, la unua en libera, demokrata hungara Respubliko, kiun kune arangis la Hungarlanda Societo kaj la Laborista Societo. El 25 lokoj anoncis sin 148 partoprenantoj, el Budapest venis per aŭtobuso de tramvojistoj 40 membroj. La 18-an malfermiĝis interesa ekspozicio en la *Sindikata Domo,* kie funkciis *aparta poŝtoficejo kun esperanta stampilo.* Okazis du laborkunsidoj kaj unu festa ferma kunsido, du sukcesaj vesperoj de *Literatura Mondo* kun partopreno de *Baghy, Kalocsay, Tárkony, Bleier,* unu liberaera prezentado kaj komunaj ekskursoj al apudurba lagbanejo. La lokaj partioj reprezentis sin. Oni akceptis kun granda ĝojego la salutojn de la *Bulgara* kaj *Nederlanda* Esp.-Societoj, kaj precipe de *IEL* kun la deklaro, ke unuiĝo de IEL kun UEA estas decidita. La kongreso akceptis unuvoĉe alvokon al la tutmonda esperantistaro prezentitan de s-no Bleier, laŭ kiu *la nova pacverdikto tiom premos ekonomie la hungaran popolon, ke la kulturlaboroj, do ankaŭ agado por Esperanto estos preskaŭ neebla.*



Pejzaĝo

# PRI JUSTA DISTRIBUADO DE LA VIVRIMEDOJ

Ĉiutage ni nun povas legi en la gazetoj, ke oni punas la homojn, kiuj dum la perditaj jaroj de la terura milito piedpremis la plej fundamentajn homajn rajtojn. Kaj tio estas bona kaj necesa. Tro granda jam estis la dubo, ĉu entute ekzistas ankoraŭ homaj rajtoj, ekzistis ja nur devo obei, plenumi ordonojn. Sed estis multaj, kiuj ordonis kaj trovis plaĉon ordoni; kiuj plenumis ĉiun ordon pro la deziro ordoni aliajn; kiuj lasis sin piedpremi pro la deziro piedpremi aliajn. Ne povas esti ĉiuj punataj kaj ne estas limo en tio. Sed ni priatentu ankaŭ ilin. Ĉar ĉiutage ni povas observi ĉi tiun emon ankoraŭ ĉirkaŭ ni. Kaj estas necese nomi ilin per la ĝusta nomo. Mi volas doni kelkajn ekzemplojn.

Mi neniam forgesos la rigardon de la patrino, kiun mi ofte vizitis dum la lastaj militjaroj. Ŝia edzo — estis maljuna kaj malbona, la filoj devis militservi, la tuta peza laboro kaj respondeco preskaŭ kuŝis nur sur ŝiaj malfortaj ŝultroj. Ŝia sola espero estis, ke la filoj revenu de la milito. Pro tio ŝi laboris kaj suferis. Kaj ĉiam, se mi vizitis ŝin, ŝiaj rigardoj petegis la konsolon: Ili certe revenos! Kaj ili fakte revenis. Mi ne povas priskribi la ĝojon de la feliĉa patrino. Pasis kelkaj monatoj. Mi denove vizitis la patrinon. Ŝi ploris. Ŝi ne volis diri pro kio. Fine ŝi diris. La filoj ne amas ŝin. Ili jam forgesis kion faris kaj suferis la patrino. Nenio sufiĉas al ili. Ili ordonas kaj krias. Ili malbenas la sorton. Ili ne plu estas la filoj por kiuj ŝi laboregis kaj suferis multajn jarojn. Ŝi ne kuraĝas diri vorton. Ŝi silentas kaj ploras. Kaj la filoj ordonas kaj krias. Tiel, kiel ili faris tion dum la lastaj jaroj kaj kiel ili lernis ĝin. Ili estis piedpremitaj kaj ili volas piedpremi. Oni devas diri al ili la veron.

La plej granda zorgo, kiun ni nun havas, estas justa disdono de la nutraĵo. Estas tro malmulte por ĉiuj kiuj volas manĝi, sed estas homrajto, ke ricevu manĝon, kiu laboras aŭ ankaŭ kiu laboris kaj ne plu povas labori. Estas necese zorgi por justa disdono. Sed estas homoj kiuj rezonas ne tiel. Homoj, kiuj lernis dum la lastaj jaroj zorgi por si kaj rigardi kiel aliaj malsatas. Rigardi sen intereso. Rigardi eĉ kun la diabla plezuro, ke ili havas ĉion dum la aliaj havas nenion. Mi mem ĉeestis kiam kampulo forpelis malsatan homon, kiu petis kelkajn terpomojn, kun la vortoj: Ĉu vi pensas, ke mi laboris kaj rikoltis por vi! Kaj poste li faris al mi grandan plendon, ke li ne povas ĉion reteni por si, ke oni piedpremas la posedantojn. Jes, li sentas sin piedpremita kaj li ĝojas piedpremi. Ĉar certe kelkaj terpomoj ne gravis por li. Kaj mi diris tion al li kaj li ne plu parolis kun mi.

Sed tamen, oni ankaŭ hodiaŭ povas ricevi ĉion, se oni havas sufiĉe da mono, se oni aĉetas sur la „nigra merkaro“. Estas homoj kiuj ankaŭ hodiaŭ vivas tre bonan vivon kaj perlaboras amason da mono. Sed kial ili povas sukcesi? Ekzemple mi estas tre forta fumanto, bedaŭrinde mi devas konfesi, ke tio estas mia plej granda pasio, sed mi ne ankoraŭ aĉetis cigaredojn aŭ tabakon, pagante prezon, kiun mi ne nur ne povas pagi, sed ankaŭ ne volas pagi. Mi jam fumis eĉ sekajn foliojn sed mi ne volas esti stultulo antaŭ mi mem. Mi ne volas esti piedpremita kaj mi ne volas piedpremi aliajn per eluzo de malbona pasio. Kaj se ĉiuj farus la samon ankaŭ tio devus se ne ĉesi tamen almenaŭ ne preni tiajn dimensiojn. Kaj se homo, kiel mi observis tion, kun aĉa fiero fanfarone pagas prezojn kiujn honesta laboranto neniam povas pagi, poste mi diras al li: Certe, vi faras ne gocojn kiuj ne estas honestaj, ĉar alie vi ne povus fari tion! Sed oni devas diri tion malkaŝe kaj laŭte.

Estas ankoraŭ multaj ekzemploj el la ĉiutaga vivo, kiujn mi povus citi, sed mi kredas, ke vi komprenas min. Certe ne sufiĉas, ke oni mortigas la grandajn krimulojn kaj trankvile lasas kreski la malgrandajn ĉiutagajn pekulojn kontraŭ la homaj rajtoj. Oni devas almenaŭ morale mortigi ilin, ĉar ne ĉiam estas eble, ke juĝistoj okupiĝu pri ili. Sed oni devas havi la kuraĝon al tio. La kuraĝon batali kontraŭ ĉiuj eluzontoj de la homa koro, mizero kaj pasio. Ĉiu el ni povas helpi en tio. Sed oni devas komenci ĉe si mem. Se ni volas havi pli bonan tempon, ni ne atendu la leĝojn de supre, sed komencu ĉe ni mem kaj en nia rondo. Estas internacia laboro, ĉar la malbono estas same internacia kiel la bono. Ni ne volas esti piedpremataj, sed ni ankaŭ ne volas piedpremi! Kaj se oni montras al ni kaj diras: estas esperantistoj — oni ankaŭ rajte devas havi la eblecon diri: estas homoj kiuj batalas por pli justa, bona mondo. Do: priatentu!

*Franz Watzinger,*
Villach (Aŭstrio)

**NOTO DE LA REDAKCIO.** Publikigante la interesan artikolon de s-no **Watzinger** pri unu el la plej aktualaj kaj brulantaj problemoj — la problemo pri kontraŭbatalo de la rabista-kapitalista spekulaciado, ni kredas, ke diversnaciaj samideanoj sendos al ni mallongajn artikoletojn pri la formoj de tiu ĉi spekulaciado kaj pri la manieroj de ties kontraŭbatalo en iliaj propraj landoj. Ni kredas, ke tamen ekzistas radikalaj rimedoj por estigi pli justan vivmanieron sur nia suferplena tero.



Bulgaraj gelernantoj komencas novan lernjaron.

***Niaj viktimoj***

# Batalo sen oferoj ne estas ebla

*Stojan Georgiev Ŝiŝkov* (partizana nomo Spartak), naskiĝis 1923 en Plovdiv. Post absolvo de elementa lernejo li fariĝis ĉarpentlaboristo. Sed li neniam ĉesis labori por sia memkleriĝo, legante progresivan Marx-Lenin-an literaturon. Samtempe li membriĝis al kelkaj kontraŭfaŝistaj organizaĵoj: Bulgara-Sovjetia Societo, Esperanto-Societo k.a. Li fariĝis ankaŭ membro de la kontraŭfaŝista Laborista Junulara Organizacio.



Per siaj klara penso, energio, iniciatemo, obstino kaj kuraĝo, li rapide montriĝis kiel vera gvidanto. En la fabriko, kie li laboris, la perfida faŝisma registaro de Filov-Boĵilov estis ĝisfunde demaskita antaŭ la laboristoj, kaj dank' al li la Laborista Junulara Organizaĵo en tiu ĉi fabriko rapide fortiĝis. La policistoj rimarkis tion, spionis kaj internigis lin. Reveninte de la koncentrejo, li tuj aliĝis al la formiĝanta partizana taĉmento „Anton Ivanov".

La 30 an de Aprilo 1943, apud vilaĝo Ferdinandovo, nia kara samideano Stojan falis en batalo, mortpafite de malamika kuglo.

Ni, liaj kamaradoj esperantistoj, neniam forgesos liajn vortojn:

— *Batalo sen viktimoj ne estas ebla.*

Li mortis, sed lia afero eterne vivos en niaj koroj.

*Ivan Batakliev*, Plovdiv

# Reeĥo de la Balkana Esperanto-Konferenco

Ni ricevis tre belvortajn leterojn de la partoprenintoj ĉe la Assenovgradaj kongreso kaj konferenco, leterojn individuajn kaj kolektivajn.

El la letero, subskribita de la *rumanaj* delegitoj, ni ĉerpas sekvantajn liniojn:

Ni havis la okazon koni vian belegan landon, la laboreman, progreseman kaj paceman popolon kaj ni ĉion utiligos por diskonigi en nia lando tion, kion ni vidis ĉe vi, karaj gefratoj.

Super ĉio ni restis surprizitaj pri via forta esperantista movado, kiu per saĝa, demokrata gvidado de sindonaj kondukantoj, povos nur antaŭenmarŝi! Ni revenis kun la pulmoj plenaj de freŝa aero, vere esperantista. Ni multege lernis de vi kaj ni penados marŝi sur la vojo de vi strekita, — imitinda de la tutmonda esperantistaro.

Per niaj fortostreĉoj, ni ĉiuj — la rumanaj esperantistoj — klopodos, ke la unueco kaj solidareco de la balkana samideanaro ne restu sur papero; ĝi floru, kresku kaj fariĝu la kerno de la internacia esperantista solidareco, por la fina venko de nia plej bela celo homara!

Bonvolu transdoni niajn plej korajn salutojn kaj dankojn al ĉiuj bulgaraj geamikoj, inter kiuj ni travivis neforgeseblajn feliĉajn horojn. Ni esperas nur, ke venontjare ni sukcesos montri al la bulgara kaj jugoslava — eble al la tuta balkana — samideanaro, ankaŭ la rumana gastemecon.

Vivu la amikeco inter la demokrataj kaj pacemaj popoloj bulgara kaj rumana!

Vivu la solidareco kaj kunlaborado fruktodononta de balkanaj esperantistoj!

Jozef Petrin, St. Freamat, N. Vlad, G. Harabaĝiu, Maria Aram, Tony Orenstein, Natalia Petrin.

La kolektiva letero de la *jugoslavaj* gedelegitoj tekstas:

Karaj Kamaradoj,

Ni ĉiuj estis vere surprizitaj kaj kortuŝitaj de la sincera kaj vere frata akcepto de nia delegitaro al via 29-a Kongreso. Ni ne trovas vortojn por danki al vi pro ĉio, kion vi por ni faris en Assenovgrad kaj Sofio. Vi montris kiel vi praktike komprenas la interfratiĝon inter niaj popoloj. Ni respondos per ĉiama alproksimiĝado al vi kaj per detruado de ĉiuj baroj, kiuj disigadis nin dum la ofte malgaja historio.

Ni komencas per plej kora gratulo al vi, al bulgara Esperanto-movado kaj al la tuta bulgara popolo pro via granda venko: starigo de bulgara popola respubliko. Tio estas granda momento kaj grava punkto de la nova balkana historio. Via nuna ĝojo estas samtempe ĝojo de ni ĉiuj kaj de nia tuta popolo. Ni sekvas per streĉita atento vian progresan evoluadon de la enlandaj cirkonstancoj, celantaj al ideo de unuiĝo de ĉiuj balkanaj popoloj.

Vivu bulgara popola respubliko!

Por Kroatia Esperanto-Ligo:

*D-ro Vuk Jovanoviĉ, Ivo Boroveĉki, Inĝ. Godek, Nada Gropuzzo, Justa Bogiĉ, Boĵena Vanek*, kaj aliaj 28 subskriboj.

## AMIKECO INTER POPOLOJ

Esperantisto el v. Ĝurovo, Tetevensko, korespondis kun angla s-ano *Frank Cooper*, kiu sincere ekamis la bulgaran popolon kaj skribis: „Mi bedaŭras, ke dum la pasinta milito ni estis malamikoj".

Dum la lasta milito s-ro Cooper pereis en la batalo kontraŭ la germano-italaj faŝistarmeoj apud Tobruk (Afriko).

La vilaĝanoj de Ĝurovo en publika kunveno akceptis kolektivan kondolencan leteron (vidu la ĉisuban bildon), kiun ili sendis al s-ino Gertrude Cooper.

La Esperanto-kurso ĉe la loka progimnazio estis nomita je la nomo de Frank Cooper, fidela amiko de la bulgara popolo.

*Nikola Peev*, Ĝurovo


GERTRUDE COOPER
ENGLAND

# Fariĝu nia abonanto!

*Per tiu ĉi n-ro nia gazeto komencas sian duan jaron. La nova jaro ampleksos la periodon de Septembro 1946 ĝis Decembro 1947 inkluzive. Dum tiu ĉi tempo aperos* ***16 NUMEROJ*** *po 16 paĝoj formato ĝisnuna.*

*Dum tiu ĉi jaro la enhavo de la gazeto estos multe pli varia, kaj internacia ol ĝis nun. Ni invitas la ĉiulandajn verkistojn aktive kunlabori per originalaj kaj tradukaj verkoj, prilingvaj artikoloj, beletristiko, poezio, kulturaj informaĵoj, sciigoj el la Esperanto-movado, materialoj el la movadoj junulara, virina k.t.p.*

*La spirito de „Internacia Kulturo" estos la ĝisnuna:* ***DEMOKRATA, PROGRESEMA, KONTRAŬFAŜISTA!***

*Ni alvokas niajn amikojn de la tuta mondo, la gesamideanojn kiuj ŝatas la pacon kaj batalas kontraŭ bruligo de nova imperiisma milito, la esperantistojn kiuj per internacia korespondado aktive partoprenas la konstruadon kaj firmigon de la demokrata solidareco inter la popoloj:* ***fariĝu niaj abonantoj kaj kunlaborantoj.***

*Varbu por „Internacia Kulturo"! Sciigu al ni adresojn de viaj amikoj kaj korespondantoj, por ke ni sendu al ili specimenan ekzempleron de la gazeto! Sendu al ni korespond-anoncetojn, kiujn ni ĉiam senpage publikigos!*

*Subtenante „Internacian Kulturon", vi subtenas la batalon por justa demokrata paco, vi helpas la kulturon kaj la progreson!*

*Ĉiu povas tuj aboni, sendante al la ĉefdelegitoj de IEL, al niaj perantoj aŭ fine rekte al ni monon aŭ respondkuponojn laŭ la sekvanta tabelo:*

| Lando | Sendu la sumon al: | Jarabono |
|---|---|---|
| ARGENTINO | Giordano Bruno Lopez, Amalia 347, Buenos Aires. | 9 pesoj |
| AŬSTRALIO | L. E. Pfahl, 64 Brighton Street, Croydon, N. S. W. | 11 ang. ŝil. |
| AŬSTRIO | Hugo Steiner, Wien XXI, Bisamberg, konto 182.685 ĉe la poŝtŝparkaso. | 15 aŭstr. ŝil. |
| BELGIO | G. Van den Bossche, Oostenstr. 26, Antwerpen. | 125 fr. |
| BRAZILO | Brazila Ligo Esperantista, Praca da Republica 54, Rio de Janeiro. | 43 kru. |
| BRITLANDO | Intern. Esp.-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth (Herts). | 11 angl. ŝil. |
| BULGARIO | „Internacia Kulturo", str. Graf Ignatiev 2, Sofia. | 500 lev. |
| ĈEĤOSLOVAKIO | Ĉeĥosl. Asocio Esperantista, Praha XIX, Uralské nám 9. | 110 kĉs. |
| DANIO | Centra Dana Esp. Ligo, Aalokkenhaven 24, Odense. | 12.5 kr. |
| EGIPTIO | Tadros Megalli, P. B. 450, Cairo. | 11 angl. ŝil. |
| FINNLANDO | Joel Vilkki, Somero. Pŝk. 60253. | 300 fmk. |
| FRANCIO | Union Esp. de France, rue de Chabrol, 34, Paris X. | 225 fr. |
| HISPANIO | R. Gonzalez, C. Gutenberg, 8 pral, Madrid. | 25 pes. |
| IRLANDO | L. O'huiginn, Sonas, Cnoc na hlnneona, Dundroma—Dublin. | 11 angl. ŝil. |
| ISLANDO | O. S. Magnusson, Bergstadastraeti 30 B. Reykjavik. | 11 angl. ŝil. |
| ITALIO | L. Minnaia, Vialle Guilio Cesare, 223 Roma. | 500 liroj. |
| JUGOSLAVIO | Kroatia Esperanto-Ligo, ul. Neznane Junakinje, 1 (III) Zagreb. | 120 din. |
| KANADO | Internacia Esperanto-Ligo, Heronsgate Rickmansworth, (Herst), Britlando. | 2.50 dolaroj |
| MAROKO | S-ino I. Fink, 5 rue Savorgnan de Brazza, Casablanca. | 225 fr. |
| NEDERLANDO | Libroservo de FLE, Postbus 8002, Amsterdam. | 6 fl. |
| NORVEGIO | R. Rian, Box 178, Trondheim. | 12.50 kr. |
| NOV-ZELANDO | V. J. Leck, P. O. Box 330, Wellington, C. 1. | 11 angl. ŝil. |
| PALESTINO | P. Lachowitzky, Kerem Quar, Jerusalem. | 11 angl. ŝil. |
| POLLANDO | R. Sakowicz, Asnyka 4, Warszawa-Okecie. | 300 zl. |
| PORTUGALIO | J. de Saldanha Carreira, Av. Grao Vasko 33, r/c., Benfica — Lisboa. | 60 eskudoj |
| RUMANIO | Rumana Esp. Societo, Bukureŝti, Casuta Postala 9. | 30,000 leoj |
| SVEDIO | Einar Adamson, Värmlandsgatan 18, Göteborg. | 11 kronoj |
| SVISLANDO | O. Walder, Eigenheim, Romanshorn, Pĉk. VIII 12139. | 11 frankoj |
| TURKIO | Int. Esp.-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, Britlando. | 300 piastroj |
| URUGVAJO | P. Casas, Ĉercedes 927, Montevideo. | 5 pesoj |
| USONO | Donald E. Parrish, 328 West 46 th Street, Los Angeles 37, Calif. | 2.5 dolaroj |

RIMARKIGO: Ĉiu povas aboni ankaŭ rekte ĉe la redakcio, sendante al ni 30 respondkuponojn internaciajn.

*Ĉina samideano skribas:*

## „ĈINIO HURLAS" MALPERMESITA

Nia bona samideano Jan Tušek sendas al ni leteron de sia ĉina korespondanto Joanff Ĉoŭ el Tientsin; en ĝi oni legas interalie:

En nia lando la popolamasoj vivas maltrankvile sub la minaco de interna milito, t. e. milito inter la nacipartio kaj komunista partio. La unua estas la partio de la reganta feŭda klaso, kaj la dua estas la partio de la popolamasoj, al kiu apartenas precipe kamparanoj kaj laboristoj. Eble vi scias, ke ĉirkaŭ 85 % de la loĝantoj en Ĉinlando estas kamparanoj kaj la ceteraj — laboristoj kaj inteligentularo. Tial la komunista partio estas la plej forta, sed ĝi estas atakata de la nacipartio, kun la helpo de usonaj armiloj.

La ĉina popolo nun spertas la plej doloran vivon en sia tuta historio. La registaro mortigas demokratojn, malpermesas la eldonadon de demokrataj periodaĵoj; „Ĉinio hurlas", kompreneble, estas malpermesita.

## KONFERENCO DE INSTRUISTOJ-ESPERANTISTOJ

La 26-an de Aŭgusto 1946 en Assenovgrad, dum la 29-a Kongreso de bulgaraj esperantistoj, okazis konferenco de bulgaraj instruistoj - esperantistoj. La konferencon ĉeestis 18 personoj.

Oni pridiskutis la jenan tagordon:

1. Interŝanĝo de praktika sperto.
2. Plano por estonta agado.

Pri sia sperto en la propagando kaj disvastigo de la lingvo internacia raportis ĉiuj ĉeestantoj: Simeon Hesapĉiev — Sevlievo, Canko Murgin — v. Galiĉe, Orehovo, Penĉo Petrov — Plovdiv, Minĉo Mihajlov — Karnobat, Stoil Kacarski — regiono de Assenovgrad, Radoslav Dimitrov, Atanas Markov — lerneja inspektoro en Assenovgrad, Atanas Maĝirov — Panagjurište, Zora Mladenova - Hans — Varna, Ivan Sarafov — Sofia, Zafirka Dimitrova — Sliven.

Pri la estonta agado oni akceptis rezolucion kun kelkaj gravaj punktoj pri la apliko de Esperanto en la kolektiva korespondado, pri interŝanĝo de praktika sperto kun fremdlandaj kolegoj.

Per la rezolucio oni esprimis la deziron, ke oni enkonduku la fakultativan lernadon de Esperanto en en la someraj tendaroj de la Generala Laborista Profesia Asocio en la agrikulturaj gimnazioj kaj en ĉiuj mezgradaj lernejoj. — Sciigas *Ivan Sarafov.*

№ 1, SEPTEMBRO 1946 DUA JARO

# INTERNACIA KULTURO

• KULTURA REVUO DE BALKANLANDAJ ESPERANTO-ASOCIOJ •

ABONO: por 16 n-roj — 500 LEVOJ

Redakta komitato: Ĉefredaktoro: ASSEN GRIGOROV

BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr Dinekov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Simeon Hesapĉiev, Vitali Julzari, Ivan Sarafov.

JUGOSLAVIO: Marko Demetroviĉ, Joje Kozlevĉar, d-ro Ivo Lapena

RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, K. Pellman, Josif Petrin, inĝ. E. Rodan, Simeon Zal.

Adreso: str. „GRAF IGNATIEV“ 2, Sofia — BULGARIO

# Fonduso „Internacia Kulturo“

Dum la pasinta jaro nia diligenta, fervora kaj oferema kolegaro forte subtenis nian torĉon — „INTERNACIA KULTURO“, ne nur per amasaj abonoj, sed ankaŭ kolektinte pli ol 50.000 levojn en la fonduson por stabiligo kaj teknika plibonigo.

Dum la nova jaro ni daŭrigos la kolektadon de sumoj kaj ŝumetoj de ĉiuj samideanoj, kiuj ŝatas la gazeton kaj kiuj povas oferi sian malgrandan lepton por ĝi.

Jen estas nova listo de donacintoj:

| | |
|---|---|
| de la pasinta jarabono | 52.152 lv. |
| Prof. inĝ. Peevski, Sofia | 50 „ |
| Assen Grigorov, Sofia | 500 „ |
| Izrael Izraelov, Sofia | 260 „ |
| Dan. Danailov, vil. N. Mahala, Gabrovsko | 50 „ |
| Diversaj | 310 „ |
| Georgi St. Dobrev, Kotel, kolektis de 17 simpatiantoj | 2.400 „ |
| Josip Vajdlih, Zagreb | 1.000 „ |
| Nada Gropuzzo, Zagreb | 900 „ |
| Marko Demetroviĉ, Zagreb | 250 „ |
| V. K. Tabakov, Gabrovo | 100 „ |
| Inĝ. Hr. Hristov, Sofia | 50 „ |
| Georgi At. Nedelĉev, Ŝumen | 100 „ |
| Atanas Ŝopov, Sofia | 200 „ |
| Petr Vlasev, Batak, kolektis en la vagonaro de 4 samideanoj | 540 „ |
| Sume | 58.862 „ |

*FILATELISTA KOLONO*

## NOVAĴOJ EL LA TUTA MONDO

*Argentino.* 1. Poŝtmarko de 5 centavos. Ĝi prezentas la elekton de la prezidanto Peron.

2. Nova serio de flugpoŝtmarkoj: a) 15 c. — violbruna; b) 25 c. — verdgriza.

*Aŭstrio.* Al la serio de vidaĵoj aperis ankoraŭ tri poŝtmarkoj de 1, 2 kaj 5 ŝilingoj.

*Belgio.* 1. Surpresaĵoj — 10 sur 1.50 fr., 2 fr. kaj 5 fr.

2. „de Bastogne“ — flugpoŝtmarkoj 17.50 fr. + 62.50 fr. en du koloroj. Ili prezentas la alvenon de la usona militistaro sur la belga marbordo.

3. Memoriga poŝtmarko „Pére Damien“ — 65 c. + 75 c., 1.35 + 2 fr. kaj 1.75 + 18 fr.

*Brazilo.* Poŝtmarko de 40 c. grizkolora kun la portreto de admiralo Soldanha da Gama.

*Kolumbio.* Poŝtmarkoj de 5 centimoj — rikolto de kafo, surpresitaj de granda ruĝa kruco.

2. Memoriga serio de poŝtmarkoj okaze de la naskiĝa datreveno de generalo Sucre, kiu luktis por la libero kontraŭ la hispanoj. La serio havas 9 poŝtmarkojn.

*Kostariko.* Du novaj serioj de flugpoŝtmarkoj aperis: la unua okaze de la piedpilka turniro en Centra Ameriko, de 25 c. verda, 30 c. flava kaj 55 c. blua. La alia serio kompletigis la serion kun portretoj de la prezidantoj de 1943. La novaj poŝtmarkoj estas de 25 c., 30 c., 55 c. kaj 75 c.

*Ekvadoro.* Nova serio de 5 flugpoŝtmarkoj okaze de la 25 datreveno de la kreo de la flugkomunikiloj.

*Finnlando.* Sporta poŝtmarko de 8 m., violkolora.

*Francio.* Flugpoŝtmarkoj de 40.55 fr. kaj 200 fr.

*Luksemburgo.* La 29-an de Julio oni eldonis memorigan poŝtmarkon de 50 fr. okaze de la Nacia filatelista ekspozicio.

*Norvegio.* Nova serio da poŝtmarkoj kun la portreto de reĝo Naokon de 1 kr., 1½ kr., 2 kr. kaj 5 kr.

*Pollando.* Aperis nova postmarko de 10 zl. al la ordinara serio de flugpoŝtmarkoj.

*Svedio.* Okaze de la 100-jara datreveno de la unua agrikultura ekspozicio aperis nova serio de poŝtmarkoj de 5 ore verdkolora kaj 60 ore violkolora.

*Ĉeĥoslovakio.* Aperis la atendata serio de flugpoŝtmarkoj: 1.50 kĉs, 5.50 kĉs, 10 kĉs, 16 kĉs, 20 kĉs, 24 kĉs kaj 50 kĉs.

*Turkio.* Okaze de la agrikultura reformo aperis nova serio de poŝtmarkoj de 9, 10, 18 kaj 27½ kurus.

*USSR.* Funebro-poŝtmarko de 30 k. okaze de la morto de prezidanto Kalinin.

*Jugoslavio.* Okaze de la Nacia kongreso de P.T.T.-oficistoj aperis nova serio de jenaj poŝtmarkoj: 2.50 d. + 1 d. verdkolora, 2.50 d. + 1.50 d. ruĝkolora, 5 d. + 2 d. blukolora, 8 d. + 3.50 d. brunkolora.

## Heroldo de Esperanto

Traleginte la lastan numeron de „Heroldo de Esperanto“, ni kun ĝojo konstatas, ke ĝi komencas aperigi artikolojn, tuŝantajn aktualajn, nuntempajn kaj progresivajn problemojn kaj temojn. Nia malnova samideano kaj redaktoro de la supredirita ĵurnalo, s-ro Teo Jung, bone komprenis sian taskon kaj volas plibonigi la enhavon de la ĵurnalo. Tio vidiĝas de la presitaj kelkaj artikoloj en la numero de 13-a de Septembro 1946. Tiaj estas la korespondaĵoj pri jugoslava Esperanto-movado, pri germanaj esperantistoj kaj kelkaj aliaj. Ili montras, ke „Heroldo de Esperanto“ komencas akiri demokratecan kaj antifaŝistan karakteron, kio estas tre grava. Ni scias, ke la Esperanto-movado estas kaj devas esti neŭtrala rilate al politikaj partioj, sed rilate la faŝismon kaj la reakcion estus ja krime resti neŭtrala. Ni bondeziras al nia inda samideano Teo Jung daŭrigi la eldonadon de la ĵurnalo en la direkto de progreso, demokrateco kaj kontraŭfaŝismo. Tio nur respegulos la dezirojn de la esperanta publiko. Ni salutas la redaktorojn kaj la eldonantojn de „Heroldo de Esperanto“ kaj rekomendas la ĵurnalon, kiu nun fariĝas ĉiusemajna, al la internacia esperantistaro.

*N. Nanov*